# INTERNACIA FERVOJISTO




41a jaro n-ro 2 1989




Aldono A al Konvencio pri la internacia fervoja trafiko (COTIF)

de la 9a de majo 1980

**Unuecaj reguloj por la kontrakto pri la internacia fervoja transporto de pasaĝeroj kaj pakaĵoj (CIV)**

kun

Unuecaj kompletigaj preskriboj

(validaj ek de la 1a de majo 1985)

CIV en Esperanto. Konvencioj, reglamentoj, vortaroj, artikoloj, disertaĵoj ... jam nun abundas fervojfaka literaturo.

REDAKTORA BABILO

La norda hemisfero spertis vintron mildan kaj energiŝparan. Spari energion estas bona afero - se oni ne troigas.

Ekzemple ne estas bona ideo ŝpari energion, kiam temas pri informado pri esperanto kaj varbado inter kolegoj kaj igi ilin esperantanoj.

Same ŝparado de faka sinklerigado kaj de kreado en esperanto de faka literaturo ne estas taŭga.

Bonvolu atente legi la raporton de la IF-redaktejo, kaj pripensu, ĉu ekzakte vi povus liveri - ekzemple de via regiono - novaĵon, kiu interesus al kolegoj en foraj landoj.

Cetere la nuna numero enhavas tagordojn de la 41a IFK (Internacia Fervojista Kongreso), la kongresproponojn kaj la estrarajn raportojn. Niaj hispanaj kolegoj laboras forte por prepari gravan manifestacion, kaj pli kaj pli ni spertas realan interesiĝon pri esperanto en rondoj ekster niaj (esperantistaj) rondoj. Ni devas serioze trakti kaj saĝe agi rilate al tio.

"Verdas heĝoj nun
en printempa sun' ..."

kantas dana poeto. La naturo preparas verdiĝon. Cu ni kunhelpu pri verdiĝo?

Red

FERVOJFAKAJ ELDONAĴOJ

Kompletigota listo kaj informoj pri havigebleco. (Ripeto de IF 1/88)

Eksterordinaraj Transportoj. Planado helpe de komputero.
Fakprelego de la 37a IFEF-kongreso,
verkis G.Thuesen, 9paĝa kajero A4.
Mendu ĉe la IFEF-kasisto.

Unuecaj reguloj por la kontrakto pri la internacia fervoja transporto de pasaĝeroj kaj pakaĵoj (CIV).
44paĝa broŝuro A5. Prezo: 3,- DEM.
Mendu ĉe Karl Bernhard,Sauerbruchstr 8, D-6700 Ludwigshafen/Rhein.

Kelkaj Pensoj pri la stato de la fervojo kaj de Esperanto kiel fervoja faklingvo.
Prelego de la 35a IFEF-kongreso, verkis Per Engen, 20paĝa kajero A5. Mendu ĉe la IFEF-kasisto.

La Verda Relo.
66paĝa kajero A5. Prezo 10,- DEM.
Mendu ĉe Elfriede Kruse, Wiener Str 121, D-6000 Frankfurt/M 70.

IFEF-Historio 1909-1984.
80paĝa kajero A5. Prezo 6,- DEM.
Mendu ĉe Joachim Giessner, An der Nicolaischule 3, D-3420 Herzberg am Harz.

Certe ekzistas aliaj. Bv informi al la IFEF-kasisto, Henning Hauge, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev (deĵore: H Hauge, Do, AALBORG/ DSB).

**INTERNACIA FERVOJISTO**
Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Redakcio:** E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved.

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretario:** Otto Rösemann, Ringstrasse 14 D, D-3067 Lindhorst.
**Dana poŝtĉekkonto:** 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.
**Dana bankkonto:** 7353-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).
**Svisa bankkonto:** 471-02, Thurgauische Kantonalbank, CH 8590 Romanshorn.
**Svisa poŝtĉekkonto:** CH 85-4110-5 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.

41a INTERNACIA FERVOJISTA
ESPERANTO-KONGRESO
13a-19a DE MAJO. 1989




IFEF
FISAIC






# 41a IFEF-KONGRESO SALOU, Hispanio

13a-19a de majo 1989
c/ Ruiz de Padron 45, 2º.2ª.
E-08026 Barcelona

PROGRAMO POR LA 41a IFEF-KONGRESO 12.-20. de majo (provizora)

| DATO | KIAM | KIO | KIE |
|---|---|---|---|
| vendrede | 9.00 | Akcepto de kongresanoj | Hotel Negresco |
| 12.5.89 | 11.00 | Inaŭguro de Esp.Ekspozicio | Kulturdomo |
| | 17.00 | Gazetara Konferenco | Hotel Negresco |
| sabate | 9.00 | Akcepto de kongresanoj | Hotel Negresco |
| 13.5.89 | 9.00 | Kunsido LKK-IFEF-estraro | Hotel Negresco |
| | 11.30 | Alveno de Esp.Vagonaro | Fervojstacio |
| | 21.00 | Interkona vespero | Hotel Negresco |
| dimanĉe | 10.00 | Solena inaŭguro | "GALAS" |
| 14.5.89 | 12.30 | Komuna fotografado | ĉe "GALAS" |
| | 15.00 | Ekskurso Tarragona/Reus | Hotel Negresco |
| | 21.00 | Arta Vespero | Hotel Negresco |
| lunde | 8.00 | Kunsido Fakprelega Komisiono | Hotel Negresco |
| 15.5.89 | 8.45 | Kunsido Terminara Komisiono | Hotel Negresco |
| | 9.30 | Kunsido estraro/komitato (ne publika) | Hotel Negresco |
| | 14.00 | Kunsido Fakprelega Komisiono | Hotel Negresco |
| | 15.15 | Kunsido Terminara Komisiono | Hotel Negresco |
| | 20.30 | Bankedo kaj Internacia balo | Hotel Negresco |
| marde | 9.00 | Plenkunsido (Unua parto) | Hotel Negresco |
| 16.5.89 | 14.00 | Duontaga ekskurso "Ruto de la vino" | Hotel Negresco |
| | 20.30 | Forumo kun hispanaj kolegoj | Hotel Negresco |
| merkrede | 9.00 | Plenkunsido (Dua parto) | Hotel Negresco |
| 17.5.89 | 14.00 | Fakprelego | Hotel Negresco |
| | 15.30 | Landaj aktualaĵoj | Hotel Negresco |
| | 17.30 | Movadaj aferoj | Hotel Negresco |
| | 21.00 | Folklora vespero | Hotel Negresco |
| ĵaŭde | 8.00 | Tuttaga ekskurso "Delto rivero Ebro" | Hotel Negresco |
| 18.5.89 | | Libera vespero (ebla junulfesto) | |
| vendrede | 8.00 | Terminara Komisiono | Hotel Negresco |
| 19.5.89 | 9.00 | Redaktora kunveno | Hotel Negresco |
| | 11.00 | Kongresfermo | Hotel Negresco |
| | 21.00 | Adiaŭa dancvespero | Hotel Negresco |
| sabate | 6.00 | Forveturo al Palma de Majorko (Postkongreso) | |
| 20.5.89 | | | |




La statistiko pri aliĝintoj al la 41a IFK komence de januaro aspektas jena:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Belgio ....... 9 | Francio ..... 12 | Italio ........ 11 | Svisio ......... 2 |
| Bulgario .... 43 | FR Germanio . 13 | Litovio ....... 2 | Usono .......... 1 |
| Ĉeĥoslovakio 1 | GDR ......... 1 | Nederlando .... 4 | |
| Danio ....... 9 | Hispanio .... 53 | Pollando ...... 1 | 167 |
| Finnlando ... 1 | Hungario .... 2 | Svedio ........ 2 | |

Kiam vi legas ĉi-tiujn liniojn, ĝi jam eksmodiĝis, sed eblas ankoraŭ aliĝi je la malpli malalta kongreskotizo.

HONORITOJ

Kiam IFEF distingas membron per honora membreco aŭ FISAIC per medalo, ni priskribas tion en IF. Sed kiu memoras ĉiam ĉiujn. Tial ni jen publikigas liston de honoraj membroj, honoritoj per FISAIC-medalo kaj membroj de la Honora Patrona Komitato de IFEF:

| Honoraj membroj | | jaro |
|---|---|---|
| Biesheuvel, Wilhelm † | Nederlando | 1958 |
| Drijfhout, Egbert † | Nederlando | 1958 |
| Stapel, Walig † | Nederlando | 1958 |
| Hoen, Harmen † | Nederlando | 1963 |
| Lok, Jan † | Nederlando | 1965 |
| Kensing, Ingvard † | Danio | 1973 |
| de Jong, Kornelis G.J. † | Nederlando | 1975 |
| Walder, Otto † | Svislando | 1975 |
| Thorsted, Niels Christian † | Danio | 1976 |
| D-ro Bácskai, István | Hungario | 1976 |
| Mag. Narvala, Nils Gösta | Finnlando | 1976 |
| Gimelli, Germano | Italio | 1977 |
| Labordus, Jacob Johannes | Nederlando | 1977 |
| Inĝ. Rebiĉek, Jaromir | Ceĥoslovakio | 1977 |
| Bürger, Johann | Aŭstrio | 1978 |
| Poly, Pierre | Francio | 1978 |
| Kruse, Elfriede | FR Germanio | 1980 |
| van Leeuwen, Willem | Nederlando | 1980 |
| Blondeaux, André † | Francio | 1983 |
| Lemonnier, Germaine | Francio | 1985 |
| Zupanić, Josip | Jugoslavio | 1986 |
| Engen, Per | Norvegio | 1988 |

| Honoritoj per FISAIC-medalo | | medalspeco | |
|---|---|---|---|
| Geroldinger, Johann | Aŭstrio | ora | 1967 |
| Blaauw, M.Thies † | Nederlando | arĝenta | 1967 |
| Hunkeler, Hans | Svislando | bronza | 1967 |
| de Jong, Kornelis G.J. † | Nederlando | ora | 1969 |
| Lemonnier, Germaine | Francio | arĝenta | 1969 |
| Giessner, Joachim | Fr Germanio | ora | 1970 |
| Lok, Jan † | Nederlando | ora | 1970 |
| Blondeaux, André † | Francio | arĝenta | 1971 |
| Ritterspach, Gernot | Fr Germanio | arĝenta | 1971 |
| Zupanic, Josip | Jugoslavio | arĝenta | 1971 |
| Christoffersen, Johannes † | Danio | arĝenta | 1973 |
| Walder, Otto † | Svislando | ora | 1974 |
| Kruse, Elfriede | Fr Germanio | ora | 1975 |
| Bengtsson, Harry | Svedio | bronza | 1976 |
| Barks, Horace † | Britio | arĝenta | 1977 |
| van Leeuwen, Willem | Nederlando | ora | 1979 |
| Labordus, Jacob Johannes | Nederlando | arĝenta | 1981 |
| D-ro Bácskai, István | Hungario | ora | 1982 |
| Sredić, Gvozden | Jugoslavio | ora | 1986 |
| Hartig, Heinz Dieter | FR Germanio | ora | 1988 |

Honora Patrona Komitato de IFEF:

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1970 | D-ro Schlesser, Emile † | Luxemburgo | Generala prez. de FISAIC |
| | I.A.Pahin | Francio | Prezidanto de UAICF |
| | Cesi, Pasquale | Italio | Direktoro de Dopolavoro Ferroviario, Bologna |
| 1971 | Inĝ Rödönyi, Karoly | Hungario | Unua Anstataŭanto de la Ministro por Poŝto kaj Trafiko |
| 1972 | D-ro inĝ. Azzi, Giordano | Italio | Honora membro de UEA, prezidanto de Itala Esp.-Federacio |
| 1977 | D-rino Boulton, Marjorie | Britio | Universitato Oxford |
| 1987 | Inĝ Rodak, Aleksander | Pollando | Ĉefdirektoro de fervoja direkcio Katowice |

## TAGORDOJ POR LA KUNSIDOJ DE LA 41a IFEF-KONGRESO

### Kunsido Estraro/Komitato (nepublika)

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Elekto de ĉefkomitatano
3. Konfirmo de elektoj en TK kaj FK
4. Diskuto estrarelekto
5. Diskuto budĝeto 1990 kaj kotizo
6. Disdonado de jarraportoj
7. Diskuto kongresproponoj
8. Diskuto de nova Statuto
9. Situacio en kelkaj landoj
10. Diskuto pri venontaj kongresoj
11. Eksteraj rilatoj
    11.1. UEA
    11.2. FISAIC (i.a. 40jara jubileo)
12. Eventualaĵoj

### Plenkunsido en du partoj (publika)

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Ricevitaj telegramoj, leteroj
3. Honorigo de la mortintoj
4. Informoj pri gravaĵoj el la nepublika kunsido
5. Raportoj estraraj
    5.1. Sekretario
    5.2. Redaktoro
    5.3. Kasisto
6. Protokolo Perpignan
7. Kongresproponoj
8. Estrarelekto
   Vicprezidanto, Sekretario, Redaktoro
9. Konfirmo pri invito al la 42a Kongreso
10. Raporto ĉefkomitatano
11. Raporto de komisionoj kaj komisiitoj
    11.1 Terminara Komisiono
    11.2. Fakprelega Komisiono
    11.3. Komisiito por Skisemajnoj
    11.4. Koresponda Servo
    11.5. Komitatano A de UEA
12. Konfirmo de la nova Statuto
13. Resumo pri raportoj landaj asocioj
14. Laborplano
15. Resumo pri la situacio en kelkaj landoj
16. Budĝeto 1990 kaj kotizfiksado
17. Elekto de revizoroj
18. Rilatoj al aliaj organizoj
    18.1. UEA
    18.2. FISAIC (i.a. 40jara jubileo)
19. Venontaj kongresoj
    19.1. Elekto de lando por 1991
    19.2. Diskuto pri pluraj eblecoj
20. Internaciaj skisemajnoj 1990 kaj 1991
21. Eventualaĵoj
22. Libera diskutado

Kunsidoj de la Terminara Komisiono

1. Prezentado de nia Terminaro kaj de LG IV
2. Elekto de gvidanto, sekretario kaj redaktoro de TeKu
3. Estonta laboro:
   3.1. Naciaj Fervojaj Vortaroj
   3.2. Difinvortaro
   3.4. Aktuala Fervoja Terminaro
4. Diversaĵoj

Gernot Ritterspach, gvidanto

Kunsido de Fakprelega Komisiono

Tagordo ne ricevita.

Kompilis ĉefkomitatano,
Lucien de Sutter

## JARRAPORTO DE LA SEKRETARIEJO PRI 1988

Antaŭrimarkigo
Kiel kutime ĉi tiu raporto estas ordigita simile kiel en la lastpasintaj jaroj. Tio faciligas la komparon kun raportoj en antaŭaj jaroj. Ni rekomendas, ke la legantoj nepre priatentu ankaŭ la resumon pri la landaj jarraportoj (IF 5.1988, p. 69).

Niaj mortintoj
Ni eksciis pri jenaj personoj, kiuj por ĉiam forlasis nin:

| | |
|---|---|
| Bulgario: | Georgi Dolapĉiev |
| FR Germanio: | Hans Barnickel |
| | Ludwig Heintz |
| | Paul Keil |
| | Georg Landgraf |
| | Kurt Müller |
| | Eduard Weichmann |
| Hungario: | Lajos Kapitany |
| | Elisabeth Kristek |
| | Gyula Madarász |

Ili trovu eternan pacon!

1. Membrostato
La legantoj bonvolu informi sin el la plej lasta raporto de la kasisto (IF 2/1989).

2. Interna laboro
2.1. Estrarkunvenoj
La estraro kunvenis dufoje (krom en la kongreso), nome en Bergen (N) en aprilo kaj en Ry (DK) en septembro. Partoprenis krome kiel gasto la ĉefkomitatano. Oni pritraktis multspecajn aktualajn problemojn de la federacio en konstrua kunlaboro.

2.2. Cefkomitatano

La ĉefkomitatano akurate plenumis siajn multflankajn taskojn. Li forsendis cirkuleron kun la demandilo (por la jarraporto) kaj pritraktis ankaŭ aliajn laŭstatutajn taskojn, ekz. li kolektis la kongresproponojn kaj publikigis ilin kaj la tager por la kongreso.

2.3. Vizitoj
Estraranoj partoprenis 1988 en diversaj aranĝoj. La prezidanto vizitis kunvenojn en Hungario, Ceĥoslovakio, Pollando kaj Germana Demokratia Respubliko.
La vicprezidanto vizitis kunvenon en Ceĥoslovakio kaj UK Rotterdam.

2.4. Situacio en kelkaj landoj
La konata ĝenerala evoluo de la vivkondiĉoj, precipe la delogado de junaj homoj per televi

zio, diskotekoj kaj aliaj distraĵoj, pli kaj pli kondukas al danĝera situacio en multaj landaj asocioj de IFEF. Tio kaŭzas ne nur malplian altigon de la membronombroj, sed ankaŭ malfaciligas trovi gvidantojn sur ĉiuj niveloj. Plej multe suferas la membroj en pli malfortaj landoj.

Aldoniĝas la personara politiko de la fervojoj, kiu ne nur forte reduktas la dungadon de junaj fervojistoj, sed ankaŭ kaŭzas, ke la aktivaj fervojistoj, precipe la junaj, ofte devas ŝanĝi siajn deĵorlokojn. Plej terura bato ĉi-rilate okazis en Japanio, kie oni privatigis la antaŭe ŝtatan fervojon, samtempe disbatante ĝin en diversajn societojn. Tiu agado verŝajne kondukos al likvido de nia japana landa asocio. La estraro provas savi la substancon.

En Sovetunio, pli ekzakte en ties respubliko Estonio, kolegoj deziras trovi vojon al IFEF. La estraro klopodos ebenigi tiun vojon.

2.5. Novaj landaj asocioj

En la 40a kongreso la komitato akceptis du novajn landajn asociojn, nome Ĉinion kaj Germanan Demokratan Respublikon. IFEF nun havas 21 landajn asociojn.

2.6. Statutŝanĝo

Ekde 1989 la elekto de prezidanto kaj kasisto okazos en jaroj kun para nombro, tiu de vicprezidanto, sekretario kaj redaktoro en jaroj kun nepara nombro.

2.7. Honorigoj

a) La komitato nomumis la eksiĝintan vicprezidanton Per Engen (N) Honora Membro de IFEF.
b) FISAIC honorigis Heinz Dieter Hartig (D) pro siaj meritoj per ora medalo.

2.8. Mallongigo por IFEF-kongresoj

La estraro decidis, ke ni uzos por niaj kongresoj (analoge al "UK" por Universala Kongreso) la mallongigon "IFK" (Internacia Fervojista Kongreso).

3. Laborplano

3.1. Koresponda Servo

Tiu grava servo funkcias jam kelkajn jarojn. Envenas regule multaj korespond-deziroj. La estraro kaj la komisiito Demissy (F) rekomendas, ke la membraro utiligu la servon.

3.2. Junularo

Bedaŭrinde nenio pozitiva estas por anonci.

3.3. Terminara Komisiono

La ĉefa laboro por la terminaro estas farita. Gernot Ritterspach (D), la gvidanto de la komisiono, transdonis en Perpignan la unuajn ekzemplerojn de la kajero. La kajero enhavas 10 204 terminojn. Tiamaniere IFEF post 3 jardekoj atingis la ĉefcelon kaj kreis bazon, tiel ke fine la multnombraj fervojaj terminoj unuece povas esti uzataj en la tuta mondo.

3.4. Fakprelega Komisiono

La komisiono kiel kutime kunlaboris en la preparado de la kongresa fakprelego, kiu estis bone aranĝita. En la programero "Aktualaĵoj el diversaj landoj" la kongresanoj aŭdis referaĵetojn el kvin landoj (Norvegio, Danio, Aŭstrio, Jugoslavio kaj Pollando).

3.5. Fervojista kontaktkunveno dum la 73a UK

En Rotterdam okazis sukcesa kunveno. Partoprenis 80 gekolegoj el 18 landoj. Interesa kaj alloga programo surprizis la partoprenantojn (vidu raporton en IF 5/1988, p. 66).

3.6. Nova statuto
La komitato fondis komisionon por prilabori novan statuton.

4. Aranĝoj
4.1. IFEF-skisemajno
La 29a IFES okazis de 27a de februaro ĝis 5a de marto 1988 en Spitzingsee (D). Partoprenis 43 personoj el 8 landoj (raporton vidu IF 3/1988, p. 44).

4.2. IFEF-kongreso
La 40a IFEF-kongreso okazis de 4a ĝis 11a de junio 1988 en Perpignan (F). Partoprenis 553 personoj el 19 landoj.

Jen kelkaj gravaj eventoj:

a) Generala prezidanto de FISAIC, Gilbert Schmit, partoprenis kaj alparolis la ĉeestantojn de la inaŭguro en Esperanto.
b) Okazis vizito de la varstacio Perpignan.
c) Kolego Mazaud prelegis pri la TGV-Atlantiko.
d) Radioamatora sendstacio funkciis en la kongresejo (167 kontaktojn kun 17 landoj).
e) Interesaj ekskursoj.
f) Valoraj kulturaj kaj distraj aranĝoj.
g) Tuj post la IFEF-kongreso la franca sekcio de FISAIC festis en Nogent-sur-Marne (apud Parizo) sian 50jaran ekzistadon. Prezidantoj de 7 IFEF-landaj asocioj sub gvidado de la IFEF-prezidanto partoprenis kiel delegacio.

5. Eksteraj rilatoj
5.1. UEA
La kontaktoj inter UEA kaj IFEF funkciis bone. IFEF laŭeble subtenas la agadon de UEA kaj aranĝis dum la UK Rotterdam kontaktkunvenon.

5.2. FISAIC
Kiel en la pasintaj jaroj ankaŭ 1988 la kontaktoj inter FISAIC kaj IFEF estis agrablaj (komp. 2.7.b) kaj 4.2.a)).

Fino

Entute la jaro 1988 estis por IFEF sukcesa periodo. Okazis la grandioza kongreso en Perpignan kaj la ampleksaj kaj komplikaj laboroj por la terminaro preskaŭ finiĝis. Plej grava evento estis, ke IFEF akceptis du novajn landajn asociojn. Esperplena evoluo. Tamen la membraro nepre pli forte devos aktiviĝi kaj kontraŭagi la danĝerajn obstaklojn, kiuj minacas la federacion (vidu 2.4.).

Lindhorst, en februaro 1989
O.Rösemann

## RAPORTO DE LA REDAKTEJO DE INTERNACIA FERVOJISTO PRI 1988

La 40a jareldono de la IFEF-organo - dum la lastpasintaj multaj jaroj sub la nomo INTERNACIA FERVOJISTO - sekvis la tradicion kaj aperis per 6 numeroj kaj entute 96 paĝoj. Ankaŭ la tradiciaj malfruiĝoj okazis pro ofta trookupiteco de la redaktanto.

Ni provis daŭrigi la stilon de fervojfaka revueto. La legantoj bonvolu juĝi, ĝis kia grado ni sukcesis. Feliĉe helpis nin bonaj kunlaborantoj de diversaj landoj, sed ni daŭre serĉas kontribuaĵojn de multaj landoj - precipe ne tro longajn - por povi prezenti la buntecon de la fervojsistemoj.

Nun, kiam estos je dispono la TERMINARO, unu el niaj ĉefaj taskoj estas ĝuste la uzado de Esperanto en ĉiuj facetoj de la fervojo.

Pri la kongresoj ni anoncis, raportis kaj varbis, kaj protokolon de la kongreso ni aperigis.

Resumo de fakprelegoj kaj prezentitaj "aktualaĵoj el diversaj landoj" + la resumo de jarraportoj de la landaj asocioj de IFEF estas tre gravaj eroj, por kiuj ni volonte

disponigas spacon, kaj pri kiuj ni esperas, ke ĉiu serioza fervojisto-esperantisto atente enkapigas al si la enhavon.

1988 estis la jaro, en kiu la IFEF-kongresanoj povis travivi la gloran, emocian momenton, kiam estis montrita la unua laborekzemplero de FERVOJA TERMINARO. Ni prezentis al ĉiuj legantoj fronte de n-ro 4. Rerigardu ĝin kaj dum momento pripensu, kiom da kolegoj dum kiom da libertempaj horoj en kiom da diversaj cirkonstancoj laboregis, por ke estu pretaj la 10204 fervòjaj esprimoj! Kiom aktuala estas la slogano: "Nia vojo - espero, obstino, pacienco"!

- - -

Daŭre Erna Hauge prizorgas la teknikan flankon de IF: tajpas laŭ la ne ĉiam klaraj direktivoj de la redaktanto, prizorgas korektolegadon kaj fine prespretigas ("lejaŭtas"?). Eble vi rimarkis, ke la literoj estas malpli magraj nun ol en la komenco de la jaro 1988a. Komputila tekniko eniris ankaŭ la produktadon de IF, kaj mankas nun nur pli da imagebleco ĉe la redaktoro.

Kun la helpo de afablaj legantoj, lertaj kunlaborantoj kaj daŭra strebo ni klopodu pligrandigi la nombron de legantoj de Internacia Fervojisto.

Redaktoro

RAPORTO DE LA KASISTO PRI LA JARO 1988

| Enspezoj: | DKK | Elspezoj: | DKK |
|---|---|---|---|
| Kotizoj | 35459,12 | Internacia Fervojisto | 30227,32 |
| Terminara Fonduso | 12692,65 | Estraro | 4097,85 |
| Junulara Fonduso | 152,75 | Administrado | 3681,67 |
| Rentoj | 103,73 | Reprezentado | 938,90 |
| | 48408,25 | Kotizoj | 704,00 |
| Plielspezoj | 2441,63 | Terminara Fonduso | 11047,39 |
| | | Junulara Fonduso | 152,75 |
| | 50849,88 | | 50849,88 |

BILANCO JE LA 31.12.1988.

| Aktivoj | DKK | Pasivoj | | DKK |
|---|---|---|---|---|
| Kaso | 783,45 | Kongresa Garantia Fonduso | | 11162,27 |
| Poŝtĝirkontoj | 16467,85 | Junulara Fonduso | | 2159,20 |
| Bankkontoj | 50826,94 | Terminara Fonduso | | 46389,99 |
| Inventario | 4781,55 | Havaĵo 1.1.88 | 15589,96 | |
| | | Malpliigo | 2441,63 | |
| | | Havaĵo 31.12.88 | | 13148,33 |
| Bilanco | 72859,79 | | | 72859,79 |



# KONGRESPROPONOJ

Propono n-ro 1.
Komitatano L. de Sutter (Belgio) en sia funkcio kiel ĉefkomitatano proponas:
Reelekti la ĝisnunajn estraranojn: inĝ. István GULYÁS (vicprezidanto) kaj E.Henning OLSEN (redaktoro). De ili ne venis demisioj.

Komentario:
Post akcepto de la kongrespropono n-ro 4 en Perpignan, la elekto de vicprezidanto, sekretario kaj redaktoro okazas en jaroj kun nepara nombro kaj la elekto de prezidanto kaj kasisto en jaroj kun para nombro.

Propono n-ro 2.
Komitatano L. de Sutter (Belgio) en sia funkcio kiel ĉefkomitatano proponas elekti D-ron Romano BOLOGNESI (Italio) kiel sekretarion de IFEF. Vivpriskribon vidu aliloke.

Komentario:
La nuna sekretario, Otto ROSEMANN el FRGermanio demisias.
IFEA konforme al § 18 de la Statuto proponas sian nacian sekretarion, D-ron Romano BOLOGNESI, por la posteno de IFEF-sekretario. Neniu alia persono deklaris sin preta kandidatiĝi por tiu ofico.

Propono n-ro 3.
FFEA pere de sia prezidanto Pierre ROBIOLLE proponas la senpagan sendadon de la nacia bulteno/revuo/organo, fare de ĉiuj landaj asocioj de IFEF al la honoraj membroj de IFEF dum ilia tuta vivo.

Komentario:
La personoj, kiuj estas honorigitaj de IFEF, dediĉis dum la jaroj multajn horojn de sia vivo por nia movado kaj federacio. Tiu honorigo pruvas ke ili multege agis por Esperanto.
Plej ofte, kiam venas tiu momento, la honoraj membroj estas emeritaj, kaj konsekvence ne plu povas tiel ofte frekventi niajn naciajn kaj internaciajn renkontojn, kaj ankaŭ aboni al pluraj esperanto-organoj. Sed tio ne indikas, ke ili ne plu interesiĝas pri la vivo de nia federacio kaj de Esperanto. Tute ne. Pro tio ni opinias, ke estas nur justeco rekompensi tiom da sindonemo per tiu eta amika gesto.

Propono n-ro 4.
La Fervojista Fako de la Hungara Esperanto-Asocio proponas la jenan:
La Fakprelega Komisiono de IFEF kolektu la valorajn fakprelegojn. De tempo al tempo ili estu eldonataj per broŝuro por larĝskale utiligi ilin.
Por kovri la elspezojn de tiuj broŝuroj IFEF estigu "FAKPRELEGAn FONDUSOn" simile al la Terminara Fonduso, nome el la IFEF-membrokotizoj estu rezervataj po 0,50 CHF al la Fakprelega Fonduso.
Ĉiu landa asocio estu devigata plej-eble baldaŭ informi la estraron de la Fakprelega Komisiono pri la prelegoj, artikoloj de la fervojaj novaĵoj: nome pri ĝia titolo aldone maksimume 10-15 tajpitajn liniojn da resumo.
La nomo kaj adreso de la verkinto, kaj la titolo estu publikigata en IF por ke la interesiĝantaj fakuloj laŭbezone plej rapide povu akiri la kompletan materialon.

Komentario:
Dum la lastaj jaroj ĉiam pli graviĝis la aplikado de Esperanto sur la faka tereno. Oni prezentis multajn interesajn fakprelegojn, sed ne estu memcela la nura prezento. Oni devas ebligi larĝe publikigi ilin por ke laŭeble ili estu larĝskale aplikataj. Per la efektivigo de tiu tasko oni rikoltus duoble:
1. pli rapide la fakuloj informiĝus pri la novaĵoj,
2. la eksteraj fakuloj konvinkiĝus pri la uzebleco de Esperanto sur faka tereno, per tiu populariĝus

la Internacia Lingvo inter la eksteruloj, eĉ eble ĝi instigus ilin por alproprigi la lingvon Esperanto.

La Fervojista Sekcio de HEA ekzamenos la eblecojn kaj kondiĉojn pri la teknika aperigo de tiuj broŝuroj.

La ĉefkomitatano
Lucien de Sutter

## PREZENTADO DE LA SEKRETARIO-KANDIDATO:

Romano BOLOGNESI



D-ro Romano BOLOGNESI naskiĝis en Bologna 22.03.1941. Li doktoriĝis pri Sociologio kaj ricevis distingon per "Honorigo je l' Merito de Itala Respubliko - Kavaliro". Li ekdeĵoris ĉe F.S. (Italaj Stataj Fervojoj) de 01.06.1962 en Bologna, kie li ŝanĝis diversajn deĵorservojn (granda veturilriparejo, granda varstacio, malgranda stacio (kiel "ruĝĉapulo"), oficejo pri staciplanoj kaj trafikregularoj, sekretariejo de distriktdirektoro, oficejo pri leĝaj aferoj)

Li esperantistiĝis en 1957 kaj membriĝis kiel fervora samideano. Post kelkjara porstuda paŭzo, li plireaktivis ellernante la Lingvon.

Li estis prezidanto de la urba Esperanto-Grupo, de jaroj li respondecas por Esperanto-Grupo ĉe D.L.F. (Postlabora organizo de fervojistoj) en Bologna, kie li redaktas en la monata revuo "Tempo Libero sotto le Due Torri" (Libertempo sub la Du Turoj) verkante artikolojn en konstanta rubriko pri Esperanto, kaj kie de 10 jaroj li regule instruas kaj organizas I-II gradajn kursojn. Nuntempe li estras la Katedron de la Itala Instituto de Esperanto en Bologna.

UEA-VD kaj FD (fervojo/sociologio) en Bologna, de 1986 li estas en la Nacia Konsilantaro de I.E.F. (Itala Esperanto Federacio).

Nacia sekretario, motoro de la nuna IFEA agado en Italio, li revigligis/-as Esperantan prezencon tra la diversaj fervojaj instancoj kaj organizoj. Li ankaŭ tre aktive kunlaboras por la redaktado de "Itala Fervojisto - Informa Bulteno".

Seninterrompe li partoprenas en la IFEF-Kongresoj ekde Romo (1978), kiel anstataŭanta komitatano aŭ observanto por IFEA. Li ankaŭ agas en programeroj "Novaĵoj el diversaj landoj", "Kunveno pri movadaj aferoj" kaj prilaboras la IFEA-Jarraporton por IFEF.

## Finnaj Statfervojoj aĉetos kontrolsistemon evoluigitan en Danio

VR (Finnaj Statfervojoj) mendis la unuan ekzempleron de nova, en Danio evoluigita sistemo, kiu kapablas malkovri plataĵojn kaj varmajn lagrojn.

Laŭ la plano unu kontrolsistemo estos instalita ĉe VR en 1989 kaj estos testata dum unu jaro. Se la rezulto estos kontentiga, la sistemo estos instalita sur ĉiuj ĉeflinioj de Finnlando.

La sistemo konstatas raddifektojn ĝis rapideco de 200 km/h. ĉ 20 sensoroj troviĝas laŭlonge de la trako kaj komputilo prilaboras la mezurrezultojn.

(Laŭ dana ekonomia periodaĵo)

## TK INFORMOJ

En la lastaj tri TK Informoj ni raportis pri niaj daŭrigaj entreprenoj post la pretigo de la Fervoja Terminaro.
La preparo por la tri projektoj, la Aktuala Fervoja Vortaro (AFV), la Difinvortaro (DV) kaj la Naciaj Fervojaj Vortaroj, estas tiel progresintaj, ke ni povas en Salou prezenti modelojn de la tri vortaroj kaj diskuti pri ilia aspekto.

Sed antaŭ ol ni plenforte frontos la novajn taskojn, ni devas reorganizi la Terminaran Komisionon (TK). Same kiel oni ordigas sian laborlokon post farita laboro, ankaŭ TK devas ordigi siajn aferojn.

Per Terminara Kuriero (TeKu) ni direktis 'publikan leteron' al la estraroj de landaj asocioj de IFEF, kiuj ankoraŭ ne kunlaboras en TK. Temas pri Britio, Bulgario, Ĉinio, Danio, Japanio, Norvegio kaj Polio.

Jam montriĝas la unua sukceso: En Britio oni estas interesita. Danaj gekolegoj ankaŭ reagis kaj en CSSR, GDR, Hungario kaj Italio aliĝis kolegoj. Per tiu agado ni celas certigi la daŭrigon de la altkvalita faka laboro.

La faka informo kaj la prezento de aktualaj faktoj pri la fervojo kaj la esploro kaj flego de la fervojaj fakoj estas la ĉefa tasko de la Terminara Komisiono.

La tekniko evoluas tiel okulfrape kaj rapide, ke Esperanto estas predestinita informi kaj servi al la multnaciaj fervojistoj sen lingvaj problemoj.

Tial kapablaj fakuloj en la Terminara Komisiono estas tre bonvenaj; precipe junaj, aktivaj kolegoj devas baldaŭ anstataŭi la nunajn aktivulojn por daŭrigi nian verkon.

Menciinde estas:
- la ĝojo kaj kontentigo per tiu interesea okupo,

- la propra lingva kaj faka spertiĝoj, do la larĝiĝo de la propra mensa horizonto, estas frukto de la TK-laboro,

- la praktika uzo de Esperanto kaj la kontakto kun la TK-kunlaborantoj, kun kolegoj do, kiuj bone regas la lingvon Esperanto
- la kore amika etoso en la Terminara Komisiono,
- kaj ni ne forgesu akcenti, ke

IFEF fakte tre aktive laboras per Esperanto!

Dieter Hartig

## PRO ESPERANTO

Konsiderinda evento okazis la 27an de januaro en la budapeŝta sindikata rezidejo de la hungaraj fervojistoj.

La prezidanto de Hungara Esperanto Asocio d-ro Vilmos **Sághy**, pensiumita ministro, transdonis la distingon de HEA "Pro Esperanto" en hejmeca solenaĵo al **Ferenc Koszorús**, konata ĝenerala sekretario de la Hungara Fervojista Sindikato.

Jam pli ol 12 jarojn li estas reelektita en tiu grava sindikata funkcio kaj de tempo al tempo aperis en la kolumnoj de Hungara Fervojista Mondo liaj artikoloj kun fotobildoj. Ofte li esprimis, eĉ deklaris sian favoran opinion pri la specifa Esperanto-Kulturagado, al kio li certigis ĉiurilatan helpon.

Ci-okaze sufiĉas aludi al liaj mesaĝoj direktitaj al la kongresanaro de la 34a IFEF-kongreso, (v. en la kongreslibro 1982) samtiel okaze de la jubileoj de la faka revuo Hungara **Fervojista Mondo**.

La festan eventon partoprenis György **Onozó** - generaldirektoro de MAV, d-ro **József Pál** - ĝenerala sekretario, Oszkár **Princz** - sekretario de HEA, d-ro István **Bácskái** - kiel honora membro de Universala Esperanto-Asocio - kaj inĝ István **Gulyás**, vicprezidanto de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

## LA 30a IFES TELE-ORGANIZITA

Certe estas eksterordinara afero, se Danoj organizas fervojistan skisemajnon en Aŭstrio, sed Astrid, Erik, Lene, Jan kaj Frederik perfekte solvis tiun malfacilan taskon. La 30a IFES (28.I.-4.II.) en Mühlbach ĉe la montaro "Alta Reĝo" proksime de Bischofshofen profitis favorajn cirkonstancojn: tutsemajna sunbrilado, sufiĉe da neĝo (kvankam ne freŝa), seĝolifto kelkajn paŝojn apud la hotelo, senpaga bustransporto al dua pli alte situanta skitereno, komforte instalitaj ĉambroj, memserva bufedo por matenmanĝi, gemastroj neimageble helpemaj kaj afablaj, nur du neesperantistaj gastoj en la tuta domo.
La plimulto de la 47 partoprenantoj el 7 landoj estis jam spertaj IFES-anoj, sekve ek de la unua vespero regis vere familiara atmosfero, kiun "niaj" Danoj nomis "ujutna" laŭ rusdevena neologismo kun la signifo hejmece agrabla, ĉesamovara; ĉu lerninda vorto? Ni ĉiuj ĝuis tion, sole la kelneroj havis etajn problemojn por enkasigi la monon, ĉar ili kutimas havi gastojn, kiuj sidas ĉiutage ĉu vespere ĉu matene, je la sama tablo ...

Vintrosportemulojn de ĉia sperteco la sunbrilo matene logis al la skivojoj. Kiam posttagmeze la skiliftoj ĉesis funkcii la laciĝintaj skiantoj kaj migrantoj malaperis en siaj ĉambroj - regis silento en la domo. Sed poste dum la komuna vespermanĝo Jan tre, eĉ tro ofte bezonis komandan tonon por certigi, ke ĉiuj aŭskultu al la ĉiutage necesaj informoj.

Estis unika travivaĵo por ni observi helikopterojn kaj lavango-hundojn dum trejnado sur "nia" skitereno. La vesperaj programoj estis variaj kaj distraj: karnavalo kun tri ĝismedolaj muzikantoj, filmo de Hilaire pri la pasintjara skisemajno, kvizo de Josef el la historio de Esperanto, lingva konkurso (laŭ didakte tre interesa metodo), dancvespero ofertita de la gemastroj (alterne dancis loka folklora ensemblo kaj ni mem), ankaŭ komuna kantado ne mankis. Por proponita aŭtobusekskurso al Badgastein kolektiĝis dudek personoj kaj tiel ili konatiĝis agrable kun la ĉirkaŭejo.



La konkursoj komenciĝis per tiu por piedirantoj. Dum unuhora promenado necesis respondi skribe al multaj ruze elpensitaj demandoj. Por skikurado kaj slalomo la gemastroj Bürgler preparis kaj organizis niajn konkursojn - tre dankinda helpo! Senŝarĝitaj kaj kontentaj Astrid kaj Jan povis "trakisi" la premiodisdonadon dum la lasta vespero. Jen la gajnintoj: slalomo, virinoj: Thérèse P., Greta S., Elisabeth Rö.; slalomo, viroj: Hans S., Franz W., Egon K., + Claude C. Skikurado, virinoj: Christel S., Andrea B., Magdalena S.; skikurado, viroj: Josef W., Mathias S., Hilaire H. Piedira konkurso: Elisabeth Ri., Hedi W., Gernot R. Lingva konkurso: Gernot R., Elisabeth R., Thérèse P. + Egon K. La IFEF-premion pro plej bona rezulto en lingva kaj sporta konkursoj gajnis Thérèse Pinet el Parizo.

Certe baldaŭ resaniĝos iuj rompitaj aŭ vunditaj fingro, brako, kruro aŭ alia osto kaj restos al ĉiuj partoprenintoj nur agrablaj memoroj pri la 30a IFES, pro kies realigo tre kore ni ĉiuj dankas al niaj danaj geamikoj!

Ritt



6a KONGRESO DE POLAJ ESPERANTISTOJ-FERVOJISTOJ

Sepólno 22an, 23an kaj 24an de septembro 1989

Programplano
Vendredo 22an

15h00 El la stacidomo BIDGOSTO, ekiro de speciala turisma vaportrajno kun dumvojaj programeroj - funkcios speciala akceptejo
17h30 Alveno kaj solena akcepto en la stacidomo Sempulno. Disdono de kongresaĵoj kaj enloĝigo. - Saúnebleco dum la tuta periodo
20h00 Komuna vespermanĝo kaj folklorfesta interkona vespero en la KONGRESEJO: la hotelo de la Sporta Internacia Centro "BARCELONO"

Sabato 23an

08h00 ĝis 08h30 Matenmanĝo
09h00 Ekumena Diservo
10h00 Solena malfermo de la kongreso kaj akcepto en la urbodomo
11h30 Futbalmaĉo inter kongresaj internacia kaj loka teamoj en la SICB
13h30 Komuna tagmanĝo
14h30 Kongresaj laborkunsidoj en pola lingvo
Eksterlandanoj konatiĝos kun la lokaj vidindaĵoj
16h30 Kaf- kaj teopaúzo
17h00 Eventuala daúrigo de la laborkunsidoj
Demonstrado kaj praktikado de la sporteblecoj de la SICB
20h00 Festa verpermanĝo kaj internacia balo

Dimanĉo 24an

08h00 ĝis 08h30 Matenmanĝo
09h00 Tuttaga busekskurso en la Krajna kaj Kaŝiba regionoj; kun vizito en loka muzeo. Tagmanĝo survoje
18h00 Fino de la ekskurso en Bidgoŝto kie komenciĝos la

15-a JUBILEA INTERNACIA FOIRO DE ESPERANTO-TURISMO

BONVENON !

LINZA ESPERANTO-SKISEMAJNO

La 23a Linza Esperanto-Skisemajno okazos 4a-11a de marto 1989 en Barbarahof, Werfenweng, Aústrio.

Organizanto estas Johann Geroldinger, kiu sur la foto montras la programkajeron kaj la honorpremiojn. La premiojn plejparte donacis linzaj aútoritatuloj.



Informoj ĉe Johann Geroldinger, Römergasse 19, A-4072 ALKOVEN.

NEKROLOGO

Denove peza bato frapis nian kolegaron; la 31an de januaro 1989 mortis hungara samideano, ordiplomita inĝeniero

László Boronkay.

Jam en sia juna aĝo, kiel gimnazia lernanto li multe interesiĝis ankaú pri la kulturaj aferoj. Li estis entuziasma membro de la lernejaj ĥoro-, orkestro, stenografia-, lingva, kaj belarta grupoj. Ekde la jaro 1932 li okupiĝis pri Esperanto kaj en la jaro 1962 li ricevis diplomon por instrui la Internacian Lingvon. Ofte li gvidis rezultohave diversgradajn Esperanto-kursojn eĉ kompilis instru-materialon, ĉefe por fervojistoj.

Li diplomiĝis en la Budapeŝta Teknika Universitato pri la ĝeneralaj inĝeniero-sciencoj en la jaro 1932, eĉ poste li ricevis oran diplomon de tiu respektata Universitato.

Li iĝis fervojisto en la jaro 1936 kaj dum jardekoj li laboris ĉefe en diversaj fervojtrak-konstruaj kaj prizorgaj fakoj kaj gvidis, direktis gravajn laborojn. De 1952 ĝis lia emeritiĝo (1968) li estris gravan sekcion de la Projekt-Instituto ĉe Hungaraj Ŝtataj Fervojoj en Budapest.

Vaste konata, eminenta fakulo kaj instruisto li estis, kiel konstanta redaktanto de fakaj artikoloj kaj simpatia preleganto. Li partoprenis en perfektigaj instruadoj kaj fakaj kaj esperantomovadaj.

Kiel membro de la hungara teamo de la Terminara Komisiono de IFEF ekzemplodone li partoprenis la traduklaboron (esperantigon) de la seslingva Leksikono de UIC.

Inter la diversaj multe meritataj rekonoj li estis distingita per "Honora Insigno" de Hungara Esperanto-Asocio.

Aparte menciindas lia multjara kontribuo por la vigligo de la klubvivo en la budapeŝta fervojista klubo "Julio Baghy", kaj la entuziasma partopreno en ĉiuspeca komuna agado por sukcesigi kongresojn kaj internaciajn kaj enlandajn programojn. Liaj eksterordinara modesto, laboremo, helpemo estis kaj estos ĉiam imitindaj kaj speciale gravaj en la nuna peza etapo.

Sinceran kondolencon al liaj funebrantaj familianoj.

IFEF

## NIAJ JARKUNVENOJ 1989

apr 15.-16.: DEFA en Odense, DK

sep 22.-24.: LS de PEA en Sepólno, PL (vidu paĝon 31)

okt 6.- 8.: GEFA en Verden (Aller), D.

## FERVOJA KORESPONDA SERVO

J.Demissy, 18 avenue du Lieutenant Bourguignon, F-55600 Montmedy.

Indiku viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp.

Aldonu internacian respondkuponon (aŭ francajn poŝtmarkojn) por ĉiu dezirata korespondadreso.

ENHAVO:



Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos en aprilo, estas 20.03.1989.

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved.